


# KELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 59 (6) NOVEMBRO - DECEMBRO/87



**ADRESO DE A. E. A.**

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918 GIJON - 6

- - - - - - - - -

**ENHAVO**




Depósito legal n-ro O/319/85

## NIA FAŬNO...

Lastatempe, feliĉe por la Homaro, la ĉirkaŭflugadojn je la Tero far tiaj artefaritaj - satelitoj, kiaj "voyageur"-oj kaj "sputnik"-oj, oni prefere dediĉas al sciencaj esploradoj, orografiaj trastudioj, ktp., krom kompreneble, ĝis funda esplorado de la Kosmo.

Nu, okazas, ke per tiaj esploradoj oni el trovis la fakton, ke precize en Esperanto ekzistas riĉa faŭno kun tre abunda (eble eĉ tro) nombro da tiaj gigantaj rampuloj kvarpiedaj, kiujn oni konas sub la nomo "krokodilo".

Do, el la ONU (Organiza Naciara Unuiĝo), oni sugestas drastajn aranĝojn por tian plagon kontraŭbatali.

Tial, niavice, ni, la tutmonda esperantistaro, nepre devas kunlabori en la neniigo de - tia plago per absoluta malpermeso de "krokodilado", kaj similaj agoj, precipe ĉe la iom amasaj renkontiĝoj, kiaj kongresoj, ĉu landaj, ĉu fakaj, ĉu internaciaj; sed, ja ankaŭ ĉe la klubaj kaj ordinaraj renkontiĝoj de pli ol unu esperantisto, eĉ prefere kaj des pli bone kaj efike, oni ne pensu krokodile, sed nur en ESPERANTO !

Ni estu fidelaj al la Oficiala Teksto de la Bulonja Kongreso - 1905, en kies Deklaracio pri esperantismo oni legas, i.a. :

" 5. Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto tute egale, por kiaj celoj li ĝin uzas. Apartenado al ia aktiva societo esperantista por ĉiu - Esperantisto estas rekomendinda, se ne deviga."

Nepre uzu la lingvon ESPERANTO !

A D O N I S

NIA ANTENO

Hodiaŭ ni metas antaŭ vi la, niaopinie, plej interesan kaj gravan sciindaĵon rilate Esperanton en la kadro de nia Astura Movado, nome: la propono de nia s-ano. Nikolás Muñiz prezentita al la urbestraro de Avilés, propono, kiun ni ĉi-sekve publikigas.

• • • • • • • • • • • • • •

La Municipa Fondaĵo pri Kulturo de la Ekscelentega Komunumo de Avileso, konstatinte la laboron disvolvita de la Universala Esperanto-Asocio (UEA), tiel, kiel de la respondaj Naciaj Federacioj, por la internacia lingvo Esperanto, kies centjariĝon oni solenas en la nuna jaro, trovas bona proponi tiun lingvon kiel kandidaton al la Premio pro la Konkordo "Princo de Asturio 1988".

Konsiderante, ke la Premio pro la Konkordo celas rekompenci "tiujn personojn, laborgrupon aŭ institucion kies laboro, kie ajn en la mondo, estas kontribuinta, en edifa kaj eminenta formo, al la paco inter la homoj kaj la popoloj, aŭ al ilia progreso, aŭ al la batalo kontraŭ la malriĉeco, la malsanoj aŭ la senscieco, aŭ malferminta novajn horizontojn al la homa sciado", tiu ĉi Municipa Fondaĵo pri Kulturo opinias, ke la internacia lingvo Esperanto kontribuas pli bone ol neniu alia asocio al la malfermado de novaj horizontoj al la homa sciado interrilatigante en la mondo malsamajn personojn kun diferencaj kulturoj, kiuj interŝanĝas sciigojn pri praaj scioj, moroj kaj kutimoj de la diversaj popoloj de la terglobo. Ĝi santempe instigadas amikecon pere de korespondado, tiele kontribuante al la plifirmigado de fajreca pacdeziro inter la homaj estaĵoj.

Ankaŭ UNESKO agnoskis, ke la atingoj de Esperanto respondas al la celoj kaj idealoj de la Organizacio rekomendante al la internaciaj organizoj la uzadon de tiu lingvo. Siavice, UNO, okaze de la Jaro de Internacia Kooperado (1966), ricevis proponon favoran al Esperanto, subskribita de 924034 personoj apartenantaj al 74 landoj; inter la individuaj subskribintoj troviĝas 112 ŝtatestroj kaj ministroj kaj ankaŭ 1359 parlamentanoj.

La Internacia Ruĝa Kruco, la Monda Turisma Organizo, la Universala Telegrafia Unuiĝo, la Internacia Labora Organizo kaj multaj aliaj internaciaj asocioj deklaris sin favoraj al tiu internacia lingvo.

El inter ĝiaj sociaj aspektoj indas elstarigi, krom la Universala Kongreso de Esperanto, kiu ĉiujare kunvenigas, ĉiam en diferenca lando, du mil ĝis kvinmil personojn el la tuta mondo, la Naciajn Kongresojn kaj la Internaciajn Fakajn Kunvenojn, el inter kiuj estas menciindaj tiuj de la Internacia Esperanto-Asocio de Juristoj kaj de la Internacia Scienca Asocio Esperantista, Universala Medicina Esperanto-Asocio, kaj Kristana Esperanto-Ligo Internacia ekde 1908; la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj ekde 1909; la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj kaj la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista ekde 1910; la Kvakera Esperantista Societo ekde 1921; La Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj ekde 1932; la Internacia Geografia Asocio ekde 1955; la



Internacia Asocio de Arkitektoj ekde 1959; la Esperantista Ligo de Muzikistoj kaj la Ligo de Filologoj ekde 1963; la Filatela Esperanto-Ligo ekde 1964; la Internacia Asocio de Bibliistoj kaj Orientalistoj ekde 1965 kaj ankoraŭ multaj aliaj, en kies kunvenoj kaj eldonoj oni uzas Esperanton.

Multaj aliaj internaciaj asocioj uzas Esperanton kiel laborlingvon, kune kun la ĉefaj naciaj lingvoj. Ĉi-rilate, eblas citi la Konvencion de Eŭroplingvaj Verkistoj;la Akademion Internacian de la Sciencoj, apartenantan al la Akademio de Sciencoj de San Marino, kie ekde 1985 okazas kursoj en Esperanto, en la franca, en la germana kaj en la itala kaj oni sendistinge uzas tiujn lingvojn en siaj sciencaj kontaktoj, kaj la Internacia Cibernetika Societo "Johann Newman", tra la Internaciaj Simpozioj pri Cibernetikaj Sciencoj (Interkomput, kc). La nederlanda firmao B.S.O. faras esplorojn pri la uzado de Esperanto kiel baza lingvo kaj kiel ponto por tradukado pere de komputeroj. Tiaj esploroj estas financataj de la nederlanda registaro, de la Eŭropa Komunumo kaj de la germana Universitato de Saarbrücken.

KULTURAJ ASPEKTOJ:

La ĉefaj specialigitaj bibliotekoj posedas kelkajn dekmilojn da libroj en Esperanto. Kelkaj publikaj bibliotekoj havas apartan fakon pri Esperanto; la ĉefaj el tiuj estas en Londono, Roterdamo kaj Vieno. Granda parto de tiu literatura riĉeco rilatas al tradukoj de verkoj el ilia originala lingvo en Esperanto. Ne nur la plej gravaj klasikuloj kaj nunaj aŭtoroj estas tradukitaj al la ĉefaj lingvoj, sed ankaŭ aŭtoroj kies lingvoj estas malpli konataj en Eŭropo, kiel la ĉina, la mongola, la korea, la japana, kc. Krome, Esperanto estas uzata kiel pontolingvo en la tradukado en aliajn lingvojn. Tion oni faris uzante la esperantan tradukon de la verko de Blasco Ibáñez: "Sango kaj sablo" por ĝin traduki en la ĉinan, kaj okazis la samo por traduki en la mongolan la Fabelojn de Andersen.

HUMANA LABORO REALIGITA PERE DE ESPERANTO:

La du mondaj militoj donis al Esperanto la okazon pruvi ĝian grandan kapablon por serĉi militkaptitojn kaj malaperintojn; por ebligi renkontiĝojn al familianoj restintaj izolitaj en diversaj landoj; por liverado de korespondaĵoj, materiala helpo kaj nutraĵoj el unu parto al la alia; por ekfunciigi servon de portempa adopto de orfaj infanetoj; ĉio, pere de la reto de naciaj delegitoj de la Universala Esperanto-Asocio.

Ĉia laboro favore kaj al internacia kunlaborado kaj al la paco motivis la prezentadon de Esperanto, de 1961 ĝis 1973, kiel kandidato al la Nobelpremio pri la Paco, propono ankoraŭ daŭranta, sen tio, ke ĝi ĝis nun ne ricevis la menciitan premion.



La Universala Esperanto-Asocio (UEA), fondita en 1908 kaj kies sidejo sin trovas en Roterdamo, kunordigas la agadon celantan la disvastigon kaj praktikadon de Esperanto. Ĝi havas membrojn en 89 landoj. En 60 el tiuj landoj la esperantistoj grupiĝas en naciaj asocioj kaj ekzistas pli ol 1250 lokaj asocioj. La Universala Esperanto-Asocio sin deklaras laŭstatute, neŭtrala rilate al politikaj, religiaj kaj sociaj aferoj.

Finfine, pli ol 150 elstaruloj de la Scienco, Universitato, Arto kaj Kulturo en la tuta mondo subskribis alvokon adresitan al ĉiuj universitatanoj, por ke ili lernu kaj uzu tiun lingvon en ĉiuj iliaj internaciaj rilatoj.

NIKOLAS MUÑIZ



Novaj esperantistoj, kiuj volas korespondi...

...adresu viajn leterojn al:

POGORELAJA SVETLANA
ul. Urickogo d. 19, kv. 73
SU - 252035
KIEV - 35
(SOVETA UNIO)





# NIA ASOCIO FUNEBRAS

Jes, karaj gelegantoj, nia Asocio funebras ĉar nia kara amiko kaj asociano Rafael Díaz Morilla (KATALIN) forpasis en Bonaero (aŭ Buenos Aires), Argentino. La pasinta 15ª de Decembro 1986 je la 16-a horo en la Itala Hospitalo de la argentina ĉefurbo, lia laciĝita koro haltis ĝiajn korbatojn.

Rafael naskiĝis en la bela urbeto Pola de Siero (Asturio), Hispanujo, la 21-a de Julio 1908, dum lia juneco li loĝis en Barcelono kaj post la hispana civilmilito li translokiĝis al Argentino. Li konis la tutajn argentinajn provincojn, sude kaj norde, oriente kaj okcidente, krom la Pampa kaj la Malvinaj Insuloj li travojaĝis multaj fojoj, ĉar li estis tre vojaĝemulo.

Liaj interrilatoj kun la indianoj estis bonegaj; indianaj komisionoj vizitis lin multfoje en Bonaero, la gvaranian kaj keĉuan lingvojn li konis perfekte, pro tio liaj konoj pri indianaj legendoj kaj rakontoj estis tre ampleksaj. Elstara kunlaboranto de nia revuo "HELECO", li publikigis en ĝi (inter aliaj) tri belajn rakontojn: "Vojo por la progreso" "La filoj de Paĉamama" kaj "Cuñataí Porá". Sprita kaj elstara verkisto ne nur en esperanta lingvo sed ankaŭ en hispana lingvo, liaj verkoj, multaj ankoraŭ neeldonitaj, oni povas kalkuli po centoj. Lia kulmina verko estas la "Granda Dulingva Vortaro", grandega kaj tre dokumentita vortaro, kiu estis lia plej amata verko. Nia Asocio estas preta publikigi ĉiujn liajn verkojn kaj eldoni ankaŭ la vortaron. Ni perdis karan amikon kaj la Esperanta Movado perdis gravan verkiston. Ke li ripozu pace.

Astura Esperanto-Asocio volas esprimi sian kondolencon al la tuta familio precipe al liaj fratinoj Berta kaj Aŭrora

SANTIAGO MULAS

# La verda komisarejo



## OFICIALA KOMUNIKO

Lingvopolicanoj apartenantaj al la lingvodefenda taĉmento "VERDA STELO" arestis lastatempe en la distrikto de "BOLETIN", n-ro 279, la lingvoteroristojn, kies nomojn kaj fiagojn oni publikigas ĉi-sube.

La t.n. EL, kiu uzurpas la metion de s-ro EN en la 7ª linio de la paĝo 3.

La t.n. EN, kiu ne kapablis klarigi la kialon de sia ĉeesto en la 8ª linio de la sama paĝo.

La t.n. OKAZO, kiu aŭdacas dejori sen la deviga finaĵo "n" en la 16ª linio de la sama paĝo.

La t.n. L.M., kiu ne kapablis klarigi, kial li estas en la 27ª linio de la sama paĝo, nek starigi sian identecon.

La t.n. SUPER, kiu ne kapablis klarigi la kaŭzon de sia prezentiĝo en la 28ª linio de la sama paĝo.

La t.n. PO, kiu per sia foresto rifuzis helpi s-rojn ELEKTI kaj UNU en ilia dejorado en la linioj 7ª kaj 8ª de la paĝo 4.

La t.n. ILIAFRANKE, kiu ne estis kapabla pruvi sian identecon, kiam li estis en la 9ª linio de la sama paĝo.

La t.n. EN kaj ESPERANTO, kiuj uzurpas la oficon de s-ino ESPERANTA en la linio 20ª de la sama paĝo.

La t.n. LUNDON, kiu uzurpas la rolon de s-roj LUNDE kaj LA en la 32ª linio de la sama paĝo

La t.n. KONGRESPARTOPRENANTOJ, kiuj aŭdacas dejori sen la deviga finaĵo "n" en la 40ª linio de la sama paĝo.

La t.n. MALVOLVIĜON, kiu uzurpas la postenon de s-ro DISVOLVIĜON en la 11ª linio de la unua kolumno de la paĝo 6.

La grupo NE NEPRAS, KE, troviĝanta en la 15ª linio de la unua kolumno de la paĝo 7, kies vera dejorpunkto estas en la linio 13ª, inter s-roj SED kaj LA.

La paro ESTOS KIAM, kiu uzurpas la lokon de s-ro TIAM en la linio 15ª de la dua kolumno de la sama paĝo.

La t.n. AL, kiu uzurpas la lokon de s-ro POST en la linio 6ª de la paĝo 14.

La t.n. MALVOLVIS, kiu uzurpas la taskon de s-ro DISVOLVIS en la 20ª linio de tiu sama paĝo.

La t.n. SEVILJO, kiu uzurpas la oficon de s-ro SEVILO en la titollinio de la paĝo 16 kaj en la 11ª linio de la paĝo 18.

La t.n. SEVILJA, kiu agas same rilate al s-ino SEVILA en la unua linio de tiu sama paĝo.

La t.n. ANTAŬ, kiu uzurpas la metion de s-ro ANTAŬE en la 11ª linio de la paĝo 17.

La t.n. MARŜO, kiu agas same rilate al s-ro DISVOLVIĜO en la 14ª linio de tiu sama paĝo.

(daŭrigo sur la paĝo 13)

# Niaj Geamikoj el....

## ...Bulgario

### LA INSTRUISTO ESPERANTISTA

En la monatoj Majo kaj Junio de 1911 la juna entuziasmigita instruisto Ivan Draganov partoprenis la unuan kurson de Esperanto en Gabrovo,kiu estis gvidata de la instruisto-ĵurnalisto Dimitâr Malĉev.Li partoprenis ankaŭ en la fondo de la unua esperantista societo en la urbo, en la monato Septembro de la sama jaro kaj estis elektita kiel prezidanton de la kontrola komisiono de la societo, nomita "Semo".

Ivan Draganov aktivas en la societo, helpas la gvidantojn de la esperantistaj kursoj, propagandas la internacian lingvon inter siaj kolegoj kaj civitanoj. Li estas bona amiko de la unua prezidanto de la societo, Vasil Tabakov, de la instruistoj esperantistaj Ĥristo Gatev kaj Ĥristo Avramov,de la aktivuloj esperantistaj Jordan Sutrinkov kaj Vasil Popov, kiuj ofte vizitadis lian gastaman familion.

Dum la aŭtuno de 1927, kune kun sia pli aĝa filino Stefanka, li helpas la lektoron de Esperanto Dimitâr Ivanov el la urbo Ruse en la gvidata de lia kurso.

Ĝis 1938 Draganov aktivis en la esperantista societo kaj pro malsano retiriĝis, sed ĉiam li interesiĝas pri la vivo de la societo.Li instruas la internacian lingvon al siaj filinoj kaj hejme ofte aŭdiĝas esperantan paroladon.Li ricevadis esperantajn revuojn,kiujn vespere ili legadis hejme kolektive.Li korespondadis kun kelkaj fremlandaj esperantistoj kaj en lia domo estis festo la ricevo de letero de korespondanto.

Ivan Draganov estas naskita en 1874 en la urbo Kalofer,situanta en la Roza valo.Lia patro estis unu el la kurieroj dum la Aprila ribelo en 1876 kaj bruligita de turkoj en unu pajlejo.Lia patrino kun siaj ses infanoj kaj iuj samurbanoj forkuris trans la Balkanojn en Gabrovon dum la liberiga ruso-turka milito en 1877, kiam la turkoj atakis kaj bruligis Kaloferon.En Gabrovo estis organizita bivako por la rifuĝintoj.Ivan estis adoptita de la malriĉa ŝuista familio Dragan kaj Cona Ivanovi. Li post kelkaj jaroj laboris en la ŝuejo kaj petis la novan patron, ke li permesu kaj helpu lin lerni.en la pedagogia lernejo de la urbo Kazanlâk, kaj la patro helpis lin. Post la sukcesa fino Ivan estiĝis instruisto en unu baza lernejo de Gabrovo.



Ekkoninte de la infanaĝo la suferadon kaj la mizeron, li la unua en la urbo malfermis senpagajn dimanĉajn kaj vesperajn kursojn por legokapabligo de laboristoj kaj metilernantoj en 1902.

Ivan Draganov ĉiam serĉis la progresemajn metodojn en la instruado kaj edukado. Liaj lernantoj, jam maljunuloj, kun amo kaj tenero rememoras pri li, pri liaj konsiloj,kaj ankoraŭ kantas la kantojn, kiujn ili ludis per violono dum la lecionoj pri kantado.

En sia malgranda bieno sub la vilaĝo Bakojci, li konatigis la vilaĝanojn kaj siajn lernantojn kun la lastaj novaĵoj kaj postuloj de la agronomia scienco.

Li forpasis je la 18ª de Oktobro 1947, post kiam li digne plenumis sian instruistan kaj socian devon, kiel prezidanto de la lerneja gvidkomitato, kaj ankaŭ kiel aktiva agitanto por Esperanto, en kies bela estonteco li kredis.

Gabrovo, la 23-an de Septembro 1987 — Verkis: BOJANA PRODANOVA



## ŜTONAJ LEGENDOJ



idelaj kaj silentaj, en Bulgario troviĝas pontoj, memorigantaj ke la konstruarto de la bulgaroj estas plurcentjara. Originala kombinaĵo de tekniko kun arto, ili rakontas pri unu teknika genio, tute sindonita al la homo, pri ĝia eterna celado al beleco kaj perfekteco.

Malnovaj pontoj ! Ni renkontas ilin kiel monumentaj kreaĵoj kaj kiel signoj de la sorto, atestantoj de eventoj kaj bataloj.Senlima kaj neatingebla estas la fantazio de la majstroj, kiuj ne ĉiam skribis siajn nomojn. Kvazaŭ enigmo staras antaŭ ni la pontoj ! Oni nomas ilin "Ringoj de la riveroj"!La spiro ĉesas kaj la penso klinas sin antaŭ la genieco ! Ni restas mutaj pro admiro!Mirinde ! Tiel nudmane, per simplaj masonistaj instrumentoj estas atingita plena majesteco !

Veraj perloj estas la pontoj de Rodopi-montaro. Nur tra la supra fluado de la rivero Arda estas konservitaj sep, koketaj, graciaj kiel la sveltaj statuoj de la Rodopaj virinoj,trapasantaj ilin milojn da jaroj. Ni malkovras ilin en la plej kaŝitaj lokoj, implikitaj en ĉeno de fabeloj kaj legendoj ! Bele-



Kadiin Most — Ponto sur la rivero Struma —
Adrien Tosi — Francio




Ponto de Svilengrad sur la rivero Marica

ga ekzemplo estas la t.n. "Diabla ponto", proksime al la urbo Ardino. La centra ŝtona parto formas idealan cirklon kun sia akva reflekto. La meza arko havas treege malgrandan dikecon en la mezo. Kovrita per kruda pavimo el metajlitaj ŝtonoj, la ponta strato havas duflankan deklivon po 15%. Matene la "Diabla ponto" karesas la okulojn kiel fajna punto !...

Alia granita miraklo estas la t.n. "Kadiin most" sur la rivero Struma, proksime al la urbo Kjustendil. Konstruita en la jaro 1470, ĝi estas la plej antikva ponto. En ĉiu piliero oni povas vidi po unu volboforman fenestron. Eterna restos tiu ponta konstruaĵo ! Eterna pro sia filozofia fantazio ! La volboj similas hufoferojn ! La kurba linio, direktita rekte supren, atingas sian lastan gradon en la mezo, tiel ke la ponto aspektas forte ĝibigita. Se du piedirantoj ekmarŝos je la du flankoj, en la momento de sia ekiro ili ne povos vidi unu la alian. Ĉu tio estas hazarda arkitektura komprenpenetro aŭ intuicie ekposedata genio ?! Estas malfacile por la nuna samtempulo respondi !

Travivinta la sortŝanĝojn de pli ol 450 jaroj, la ŝtona ponto sur la rivero Marica, ĉe la urbo Svilengrad, allogas la scivoleman rigardon per sia belega ornamo al reliefe penetritaj, orumitaj arabaj literoj sur marmora plato. La strato estas horizontala, kovrita per ŝtonaj platoj, sur 20 belefaritaj aperturoj. Pri la historio de la ponto, la lokaj legendoj indikas la riĉan turkan veziron Mustafa-paŝaon, traveturintan kun liaj armeoj tiun regionon, survoje al la okcidento. Laŭ la arkeologoj, la kreintoj estis Rodopaj majstroj.

"Konstruu ne por jaroj, sed por jarcentoj ! Konstruu ne nur pro mono, sed por la honoro de la majstro !" Jen la instruaj vortoj de la konstruinto, la ĉefmajstro, la t.n. "Ornamana majstro"-usta Koljo Piĉeto. Oni devas trairi lian vojon, kuntuŝiĝi kun lia ago, por klarigi la emociojn antaŭ liaj verkoj. Senti la kredon, la helan spiriton kaj la optimismon de nia renesanculo, esprimitaj per la figuroj de la ponto sur la rivero Jantra, apud la urbo Bjala. Kons-


Ponto de Koprivŝtica



truita en la jaro 1860, la ponto eltenis sian elprovon dum la printempo de 1877, kiam trapasas ĝin la Rusa artilerio. Kiel garantio pri ĝia eltenpovo, la majstro mem envadis la riveron kaj ekstaris sub unu el la volboj.

Kurbigitaj de la maljuneco kaj malheligitaj fare de la polvo de la forpasintaj jaroj la pontetoj de Koprivŝtica estas konstanta parto de tiu antikva urbo. Sub iliaj ŝtonaj arkoj brufluas puraj riveretoj, naskiĝintaj en la profunda freŝeco de najbaraj arbaroj kaj ankoraŭ nemalpurigitaj de nia industria tempo. Pentristoj ravitaj de la beleco, venas, restas longe kaj sur iliaj pentrajoj restas pontaj siluetoj...

Fantazio !.Libereco de sentoj kaj pensoj ! Esprimo kaj manifesto de la homa spirito! Gloro kaj honoro de la majstreco ! Perloj en la koro de niaj montaroj, ornamo de urboj ! Unu eterne bona ago. Eterneco el ŝtono ! Legendoj !...

Nur la ŝtono de la eterneco povas gardi la historion, ĉu ordinaran aŭ dramatikan, konfesitan aŭ kaŝitan...

Klarigo: Most = ponto, bulgare

Sofio, Novembro 1987 — Verkis: LILIJA PAVLOVA KOLEVA



## ... Hungario

### PRI LA UZO KAJ MISUZO DE LA PREPOZICIOJ "POR" KAJ "PRO"

En la E-lingva gazetaro oni ofte faras erarojn pri la uzo de la prepozicioj POR kaj PRO. Tio ne estas hazarda, ĉar ili estas paronimoj, t.e., vortoj preskaŭ samsonaj, sed sence malsamaj (kiel ekz-e: kurso — kurzo — kuzo; baso bazo, ktp.)

Tamen, la grava diferenco inter ili estas, ke la prepozicio POR signas ĝenerale celon de la ago, kaj PRO kaŭzecon de la ago.

Ni vidu kelkajn frazojn kun diskutinda uzo de la nomitaj prepozicioj

(1) Koran dankon POR la interparolo.

(2) Reveninte en mian hajmon, mi volas esprimi al vi kaj ➤

al via AESSR mian elkoran dankon POR via afabla gastigado en Poprad kaj POR via helpemo.

(3) La belegan preĝejmonumenton... la bulgara popolo konstruis tie, kiel esprimon de sia dankemeco POR la liberigo de Bulgario.

(4) ...estis skribita la opinio de ekspozicianto:kion signifas Esperanto por li, PRO kio li uzas la internacian lingvon ?

(5) La 19-an de Junio la esperantistoj el Varna POR kvara fojo estis dommastroj de granda E-aranĝaĵo MARE '82.

(6) Ankaŭ ĉiujare (ĝuste: ĉi-jare) okazas (ĝuste:okazos) konkursoj POR la Balatona Pokalo de aŭtistoj kaj POR memoro de poeto Attila József.

Post la verbo "danki" en la angla lingvo oni uzas la prepozicion FOR, en la rusa kaj kelkaj aliaj slavaj lingvoj, ZA. En la hispana lingvo, POR, kiel en la nomitaj lingvoj aliaj prepozicioj, signas kaj celon (por qué) kaj kaŭzon (por causa mía). Kiam oni dankas, ĉu oni diras dankon pri tiu kaŭzo, ke oni ricevis donacon, ĉu tiucele, ke oni ricevis donacon? (Rim.:hisp. Gracias por la camisa.) Ŝajnas al mi, ke oni devas retromontri, ĉar oni devas danki pro donaco, pro kaŭzo farita de alia homo. El vidpunkto de la donacinto la donaco estas ĝuste celo, sed la ricevinto dankas PRO la donaco, el sia vidpunkto , kiel PRO kaŭzo. Malgraŭ tio, ke en la Plena Ilustrita Vortaro,paĝo 848, oni proponas egalajn formojn kun POR kaj PRO, laŭ la mencita kaŭzo mi uzus en la frazoj (1),(2) kaj(3) la prepozicion PRO.

En la frazo (4) devus esti POR kio, ĉar la skribinto demandas eble ne pri tiuj kaŭzoj, kiuj motivigis lin uzi E-n , sed li volas scii POR kio (por kiuj celoj) li uzas E-n.

Por la bulgaraj esperantistoj el Varna ne tiu estis la celo, ke ili estu dommastroj POR la kvara fojo (en la frazo(5)). Ilia celo estis sukcese aranĝi MARE '82, kies dommastroj ili estis LA KVARAN FOJON.

En la frazo (6) oni devas skribi alimaniere.Ĉu oni povus (-is) aranĝi tian malhonorigan konkurson,en kiu la partoprenantoj batalus (-os) POR la memoro de granda poeto?(Por akiri lian memoron?!) Temas,eble,pri konkursoj aranĝotaj JE la memoro de A.József.Laŭ la malklereco de la frazo oni tamen povas deĉifri,ke iu konkurso estas(-os) nomita PRI la hungara poeto.

Verkis: D-ro Attila Salga (universitata profesoro, Debrecen )

# La nazo de mia amiketo Angel Castaño

Oni diras,ke la homo tendencas pensi malbone. Persone mi ne povas aserti, ĉu tiu diraĵo pravas.Do,kara amiko, vi ne rajtas pensi malbone pri la nazo de mia amiketo Angel, ĉar mia kara Angel havis , havas nazon normalan, kiel vi aŭ kiel mi; eĉ mi kuraĝas diri, ke ĝi estas pli bela ol tiuj via aŭ mia. Oni diras, mi legis tion, ke la samaritaninoj tiutempe havis la nazojn plej belajn de la tuta mondo. Tiu, ankaŭ ne estas la kazo de mia amiketo Angel. La nazo de mia Gijona amiketo ankaŭ ne estas motivo por internaciaj konfliktoj, kiel okazis kun la nazo de Kleopatra. Tiu restu tute klare !!

Sendube vi demandos vin:"Nu,kio pri tiu nazo ?" Paciencu, kara leganto,ĉar la afero ankaŭ ne estas inda sonorigi ĉiujn sonorilojn de la lando.

Jen: iun matenon, mia amiketo diris:

-"Ŝajnas al mi, ke ion mi havas en la pinto de la nazo."

Trankvile li tion diris; li ne tremis, nek timis nenion; ĉar mi devas ankaŭ aldoni, ke mia amiketo Angel estas - kuraĝa knabo, laborema, studema kaj virtulo pri multaj aliaj aspektoj de la vivo, kiujn mi ne deziras mencii pro la fakto, ke eble vi pensos: "S-ro Serrano tre laŭdas lin."

Momente, post la informo de Angel, neniu familiano moviĝis. Oni pensis,ke tio ja estas knabaĵo pri ne grava afero.Mia amiketo pacience silentis. Sed la patrino (ĉiam estas la patrinoj, kiuj neniel nek - neniam forgesas eĉ la plej etan deziron de siaj filoj), fininte urĝajn laborojn esploris la nazon de sia filo kaj tuj ekkriis:

-"Jes, li pravas, la nazo de Angel ne troviĝas en normalaj kondiĉoj."

Tiu atentigo de la patrino estis kvazaŭ alvoko, fajro en la hejmo !! Ĉiu familiano moviĝis: la gepatroj, la geavoj, gefratoj, kaj mi kaj mia edzino, kiuj troviĝis tie, kiel familiaj gastoj.

La nazo de mia amiketo Angel Castaño, estis atente rigardata de multaj, tre malfermitaj okuloj. Ĉies menso komencis labori. Interne ĉiu sin demandis, kio okazis - al la nazo de la bela Angel. Ĉiu pensadis. Post longa aŭ ne longa tempo, mi ne scias, mi ne rememoras tiun detalon, ĉiu komencis eksponi sian opinion. Estis diversaj kriterioj, sed tri restis bone akceptitaj de ĉiuj. Jen: eble la nazo de mia amiketo Angel ricevis baton, eble iu stranga kulo infektis ĝin, eble estas furunko, kiu malbeligis ĝin.

Unike lia patrino rajtis karesi mane la nazon de mia amiketo Angel, ja ŝi tre - delikate tuŝis ĝin; sed malgraŭ tio,la knabo iomete protestis, ĉar li sentis doloron. La malsano de la nazo de mia amiketo Angel ne malebligis, ke ni iru al la lito,ĉar ni



jam endormiĝis.

La sekvantan tagon, mi devas konfesi, mi kaj mia edzino tre malfrue forlasis la dormoĉambron, ĉar ni sentis nin -bone en tiom komforta dormejo.La rezulto estis, ke kiam ni salutis la familion,tuj la patrino de Angel diris al ni:

-"Mi estis kun Angel ĉe la kuracisto por taŭga esploro de lia nazo."

Mia edzino kaj mi samtempe demandis:

-"Kion diris la kuracisto, ĉu ĝi estas grava?"

La patrino ridetis kaj diris:

-"Ne, tute ne. La kuracisto diris, ke ni restu trankvilaj, ĉar okazas nenio grava. Li jam konsilis al ni pri la adekvataj medicinoj aŭ rimedoj, kaj mi eĉ jam estis ĉe la apoteko."

Mi devas diri, ke Angel iom protestis pro la fakto, ke li devis iri al la kuracisto, ĉar en alia vizito,ne ĉio disvolviĝis agrable por li; sed ĉi-foje nenio malbona okazis kaj li revenis kontenta.

La rimedoj aŭ medicinoj ne tuj efikis, kaj la nazo de mia amiketo Angel ne resaniĝis kiel per "magia arto". Oni bezonis tempon. Tempon, kiun ĉiuj okuloj de la hejmo dediĉis al rigardado de la fama nazo. Estis multaj opinioj.Iuj diris:

-"Rigardu ĝin, la ŝveliĝo malkreskis, tiu nigra-blua koloro malaperas de la pinto de la nazo."

Ankaŭ estis spritulo, kiu diris:

-"Eble nun tiu nazo fariĝos granda, kiel tiu de Pinokjo, aŭ ĉe ĝia pinto restos por ĉiam granda bulo, kiel tiuj de la arlekenoj." Mia amiketo Angel ridetis,malgraŭ tio, ke movi la nazon ne estis agrable por li. Sed mi devas ripeti, ĉar tio estas vero, ke tre kuraĝe, kiel plenkreska viro subtenis lian pezan ŝarĝon mia amiko Angel.

La sekvantan tagon, denove ĉiu domano kaj gastoj esploris la nazon de mia amiketo Angel. Sed... sed mi devas tuj diri, ke ĝi apenaŭ havis intereson. Ĝi revenis al sia normala stato kaj mi konstatis, ke ĝi estis ege bela, kaj post kelkaj jaroj estos multaj junulinoj, kiuj sopiros pri kaj pro tiom bela kaj inteligenta nazo. Tion mi subskribas.

LUIS SERRANO PEREZ

Sabadell 30.8.1987



(daŭrigo de la paĝo 6)

La t.n. SEVILIAJ, kiu uzurpas la oficon de s-ro SEVILAJ en la 16 linio de la sama paĝo.

La t.n. DEDUKTI, kiu uzurpas la rolon de s-roj DEKALKULO kaj DE en la 25ª linio de la paĝo 18.

La t.n. VIVIGA, kiu agas same rilate al s-ro VIVIGI en la 22ª linio de la paĝo 19.

Post unutaga restado de la menciitaj lingvodeliktuloj en la PIV (Punaj Instalajoj por Vortfuŝistoj), oni donis al ili po kvin batojn per la kvin pintoj de la verda stelo sur iliajn vertojn kaj ili estis tuj poste liberigitaj.

Esperburgo, la 2-an de Novembro 1987

LA ĈEFKOMISARO,

AL ZIBJADES

# KUIRANTE KUN PILAR

## POMA SUFLEO

INGREDIENCOJ: 500 gr. da pomoj.
2 ovoj.
1 supkulero da citronsuko.
Sukero.
Pinĉopreno da cinamo.
Iomete da akvo.

---

Senŝeligu, senkernigu kaj pecigu la pomojn.

Kuiru ilin en iomete da akvo ĝis ties moliĝo.

Frotu tra kribrilo. La kaĉo devas esti firma.

Aldonu la ovoflavojn, bategu la ovoblankojn kaj kirletu en la kaĉon.

Metu en grasumitan fajrrezistan ujon kaj la tuton baku dum 12 minutoj en bakforno varmigita je alta varmeco.

BONAN APETITON !